# ASOCIACIO INTERNACIA DE AKADEMIOJ.

De *Fa.*

Fondantoj de ĉi tiu societo estis, krom akademioj (München, Vieno, Berlino), tri instruitulaj societoj: Reĝa societo de sciencoj en Göttingen, Reĝa societo de sciencoj en Leipzig kaj Londona Reĝa societo.

Penso pri fondo de »Asociacio Internacia de Akademioj« (A. I. A.) naskiĝis en jaro 1898 en kongreso de reprezentantoj de suprenomitaj akademioj kaj instruitulaj societoj. Prezidanto de Londona Reĝa societo Lister post ĉi tiu kongreso dissendis al diversaj akademioj[1] cirkuleron kun demando: Ĉu plaĉas al akademioj kunvoki en difinitaj limtempoj periodajn kongresojn aŭ kosiliĝojn?

En jaro 1899 (9—10. X.) estis kunvokita konferenco en Wiesbaden, havanta celon fondi A. I. A. En konferenco partoprenis Berlina akademio de sciencoj, Reĝa societo de sciencoj en Göttingen, Reĝa societo de sciencoj en Leipzig, akademioj de München, Parizo, Peterburgo, Romo, Vaŝingtono kaj Vieno. Konferenco decidis inviti ankoraŭ 9 akademiojn en: 1. Amsterdamo, 2. Bruselo, 3. Budapesto, 4. Kristianio, 5. Kopenhago, 6. Madrido, 7. Akademion de surskriboj kaj literaturo en Parizo, 8. Akademion de moralaj kaj politikaj sciencoj en Parizo kaj 9. Akademion en Stokholmo. Oni decidis kompreni statutojn de Asociacio efikantaj, post ricevo de konsento de 6 akademioj.

31. III. 1900 estis dua konferenco en Parizo, kiu difinis ĝeneralan kunvenon de A. I. A. en jaro 1901 (16. VI.). En kunveno partoprenis 18 akademioj kun 72 delegitoj. Ĝenerala kunveno de asociacio diskutis du demandojn: 1. Fina trarigardo kaj konfirmo de statutoj de asociacio. 2. Komenco de efikado en prilaborado de sciencaj demandoj. El proponitaj temoj por laboro estis diskutata ĉefe: plena eldono de verkoj de Leibnitz. Ĉi tiu laboro estis proponita de Akademio de moralaj kaj politikaj sciencoj. Ĝi esprimis, ke en momento, kiam unuan fojon kunvenos A. I. A., estas neeble fari ion pli bonan, ol honori me-

[1] Sub vorto akademioj oni devas kompreni ankaŭ instruitulajn societojn.

moron de granda pensulo, kiu apartenas ne nur al Germanujo, sed al tuta homaro, kion germanaj kolegoj de Francoj kredeble ne neos. Scienca agado de Leibnitz estas tiom vasta, ke ĝi interesas pli aŭ malpli instruitulojn de tuta mondo, sendepende de objekto de esplorado kaj, ne trograndigante, oni povas diri, ke Leibnitz enkorpigas en si ideon, kiun A. I. A. penas ekzistigi nun. Li estas tutmondeco mem. De 22 jaroj li revis pri aranĝo de Bibliografia Revuo, inventario de ĉiuj homaj sciaĵoj, de enciklopedio, enhavanta en dedukcia formo ĉiujn sciencojn. Tutan vivon li estis zorginta pri kreo de lingvo aŭ pazigrafio tutmonda. Fine, ĉe li unua aperis ideo organizi federacion de instruitulaj societoj. Li estis antaŭirinto de A. I. A. kaj justeco postulas, ke al li estu dediĉita unua laboro. Tiaj estis argumentoj de suprenomita societo.

Laŭ kalkulo farita de s-ro Dro Louis Couturat, eldono de laboroj de Leibnitz, kiuj troviĝas en Hanovera biblioteko, postulos de 130 ĝis 140 volumoj.

El aliaj laboroj estis proponitaj: Mezuri arkon de meridiano 30-a en Afriko, kun celo difini kun plej ebla precizo amplekson kaj formon de tero. Prilaborado de historio de evolucio de homo kaj de bestoj. Krom kelkaj aliaj temoj estis farita propono tuŝanta prilaboradon de *internacia bibliografio laŭ precizaj sciencoj.*[1]

Ĉefa celo de A. I. A. estas efektivigo de plej larĝa kaj plej facila komunikiĝo inter apartaj instruituloj kaj instruitulaj societoj de ĉiuj landoj de tero, kun celo de komuna laboro laŭ antaŭe precize pripensita kaj prilaborita plano. A. I. A. akcelos per ĉiuj mezuroj al plenumo de sciencaj entreprenoj, por kiuj ne sufiĉas ne sole unu persono, sed ankaŭ aparta nacio. Kaj eble A. I. A. faros ne sole laborojn neeblajn por unu nacio, sed ankaŭ entreprenos eksperimentojn, por kiuj ne sufiĉus tuta homa vivo. Ekzemple evolucio de organismoj, ilia ŝanĝiĝo estas konfesata de ĉiuj naturistoj, tamen ŝanĝiĝoj de organismoj fariĝas tiel malrapide, ke neniu ilin povis vidi. A. I. A. povus entrepreni grandajn eksperimentojn, kiuj sekvus de unu generacio al alia, kaj prezentus al estonta homaro klare pruvitajn kaj precize registritajn interesajn fenomenojn de vivo.

[1] Pri ĉi tiu afero estis parolite en Nro 4. de »Revuo Internacia.« Red.

# POMOCNÝ JAZYK MEZINÁRODNÍ.

Francouzsky napsal univers. prof. Dr. L. *Couturat* — přel. J. F. *Khun*.

UPOZORNĚNÍ*.

Až posud uvedl jsem jen všeobecné prohlášení, jež má sloužiti za podklad dohody pro nynější i budoucí delegáty (zmocněnce), a pro něž bychom si přáli souhlasu. Dosaženo-li však jednou shody o těchto zásadách, jest každému ještě volno samostatně smýšleti. Budiž mi, prosím, dovoleno, abych zde z několika příčin podal smýšlení svoje. Především jest mi jako delegátu sjezdu filosofů pro studium otázky jazyka mezinárodního podati účet ze svého konání těm, kdož mne úkolem tím pověřili a sděliti se s nimi o postup a výsledek svých studií. Nuže, první a nejvážnější námitkou, která se jazyku mezinárodnímu činí, jest otázka: Je-li takový jazyk možným? Vždyť provinili bychom se lehkomyslností, ne-li zneužitím důvěry, kdybychom doporučovali návrh nějaký, nepřesvědčivše se, lze-li jej provésti. Tu je třeba ve známost uvésti některé starší i současné pokusy o jazyk mezinárodní a to tím spíše, poněvadž existence (jsoucnost, jestota) soustav skutečně v praksi užívaných jest nejlepším důkazem jich možnosti. Kromě toho, abychom odpověděli na některé námitky a vyvrátili jisté předsudy jazyku mezinárodnímu nepříznivé, jsme nuceni k podrobnostem a uvésti určité myšlenky, protože některé posudky vztahují se jen na jisté soustavy, ostatních si nevšímajíce.

Konečně musíme předpokládati, že naši čtenáři nemají ani ponětí o nějakém jazyku mezinárodním a žádného návrhu neznají, nebo, což jest ještě horší, znají jen nějaký špatný[1]. Jest tedy k vyjasnění jejich úsudku třeba podati jim srovnávací přehled rozličných posud navrhovaných soustav. Jelikož nejsem ani tvůrcem ani přivržencem některé z nich, doufám splniti žádoucí podmínky nestrannosti a nezištnosti, a projevím-li přízeň svoji té které soustavě spíše než jiné, je to proto, poněvadž jsem rozhodně přesvědčen o tom, že praktické a definitivní

* Článek »Upozornění« je 6. kapitola spisku Dra L. Couturata »Pour la langue internationale«, jehož prvých pět kapitol otiskli jsme již v sešitě 5.—8. »Českého Esperantisty.« — Redakce.

[1] O našich čtenářích to arci neplatí. Red.

rozřešení problému jen v tomto určitém směru spočívá. Je to však mé osobní mínění, jež čtenáři k volnému uvážení podávám a které má vyvolati diskusi (rozpravu a p.).

# KRISTNASKA NOKTO.

Por bohema gazeto »Těsnopisné zábavy[1]« skribis *V. Černý.*

Kristnasko de malfeliĉa por Francujo jaro 1870 alvenis. Parizo ĝemis ĉirkaŭata per rondo de venkantaj Preŭsoj dum la cetera mondo ĝoje festis alvenon de plej belaj festoj de paco kaj kvieto. — Estis senbrua, stelriĉa antaŭvespero. Ĉirkaŭaĵon de Parizo kovris freŝblanka neĝo brilanta en dubeblua lumo de pala luno. Profilo de urbego kun palacoj, preĝejoj kaj bastionoj desegnis sin akre en stela ĉielo. Ĉie reĝis sankta senvoĉeco. Nur post muroj estis vivo, en profundaj fosaĵoj, en kiuj ĉi tie kaj tie brulis malgranda fajro; ĉirkaŭ fajrejo, plej diverse grupiĝintaj staris francaj soldatoj kun malaltaj kepoj. Kelkaj interparolis, aliaj trinkis el boteloj kaj eĉ gaja strata kanteto sonis de ie. Estis nur malmultaj, kiuj, sidante senvoĉe, rigardis malproksimen. Al tiuj apartenis eĉ juna kuraĝa kapitano; li profunde meditis, fiksante okulojn sencelen . . .

Li pensis pri hejmo ie en suda Francujo, en animo vidante siajn karajn ĉe komuna tablo sidantajn. Ne ĉiuj ĉeestas; unu loko estas malplena: estas la lia. — Infanoj demandas patrinon, kiam patro revenos kaj ĉu eĉ lin vizitos Jesueto. Juna, bela edzino respondas jese, sed samtempe ŝi deturnas kapon, por ke infanoj ne ekvidu larmojn en ŝiaj okuloj. Kaj ili neniom ekkonas; ili ne scias, ke ilia patro fruntestaras hodiaŭ en nigra foso kontraŭ malamiko, ĉiumomente preta oferi sian vivon al patrujo. (?) — — Lipoj de kapitano konvulsie ektremiĝis kaj nur pene li detenis larmon. —

»Sinjor' kapitano, mi petas obeeme kelke da minutoj liberaj«, kaj, fingrojn haltante ĉe kepŝildeto, stariĝis juna soldato antaŭ kapitano.

Ĉi tiu malreviĝis. Kiam soldato ripetis denove sian peton, li ekkriis mire: »Ĉu vi perdis prudenton? Ĉu vi ne scias, ke mi neniun devas eĉ nur por momento forpermesi?« »Kapitano, mi tamen kuraĝas peti permeson denove; vi tion ne bedaŭros.«

»Neeble«, respondis kapitano klare, »tiam mi devus permesi al tuta kompanio foriri en urbon.« »Mi ne volas iri en urbon, sed tien« respondis soldato, montrante al remparoj de malamikoj, de kie etendiĝadis bruo kaj vokoj:

»Halt, wer da?«[2]

Kapitano miregita ekkriis: »Sensaĝulo! kion vi intencas fari tie — antaŭ malamikoj? Se vi forlasos fosaĵon, ili tuj komencos pafi sur vin kaj vi edziĝos kun morto.« »Sed sinjor' kapitano, ne fariĝos tiel, se ili ne ekvidos ĉe mi batalilon. Mi vin petegas, ne volu ekscii mian intencon antaŭ ĝia plenumo.« Kapitano konis soldaton kiel homon kleran, tre bone konatan en francaj literatu-

---

[1] »Stenografiaj amuzaĵoj«.

[2] Halt', kiu estas?

raj sferoj, kaj tiel, ne timante ke la kuraĝulo faros malhonesteu, li diris post momento: »Do mi permesas, sed nek per unu haro mi juras vian vivon.« —

Soldato salutis kaj foriris. Metinte sur teron sian pafilon, li ierte elsaltis el fosaĵo sur neĝokovritan ebenaĵon. Liaj kolegoj atente rigardis super fosaĵojn por vidi, kio fariĝos.

Foririnto estis bone videbla en hela lunbrilo sur blanka neĝa tapiŝo. Germanaj postenoj silentiĝis: neniu kuraĝis pafi sur fremdulon, kiu haltis kaj salutis malamikon.

Kaj aŭdu! tra trankvila nokto sonas bela franca kanto kristnaska, per riĉa sono kaj kun varma entuziasmo kantata. Amikoj, eĉ malamikoj detenas spiron kaj aŭdas per tuta animo. Neeldirebla ĉarmo okupis ilin.

Kanto sonas tra mallaŭta nokto kiel sono venanta el regionoj paradizaj, kie ekzistas nek krimo nek malamo. Ĉiu el brutalaj militistoj rememoras malproksiman patrujon kaj varman hejmon; en ĉies okuloj, dekutimintaj jam de longe plori, brilas larmo.

Kanto finiĝis. La soldato, salutinte, turniĝis kaj revenas al fosaĵo.

Malsupren saltinte, li estas superŝutita per laŭdaj vortoj; eĉ kapitano alrapidas kaj ekpremante lian manon, esprimas siajn sentojn kaj dankojn.

Subite ĉiuj estas alvokitaj rigardi ankoraŭ unufoje post remparon: el malamika posteno eliras granda soldato kaj proksimiĝas; haltinte, li komencas kanti per forta voĉo unu el plej belaj kantoj germanaj. Surprizitaj Francoj aŭskultas ĝis al fino, kiam la soldato, salutinte laŭ ekzemplo de sia antaŭulo, reiras malaperi en fosaĵo.

Kaj aŭdu! El germanaj remparoj resoniĝis ĝojaj ekvokoj. Weihnacht! Weihnacht![1] kaj entuziasmitaj Francoj laŭvice respondas Noël! Noël![3] Por momento degelis glacia krusto sur la koroj de obstinaj malamikoj kaj ĉiujn kunigis ligilo de humaneco kaj de paco. —

Luna brilo estingiĝis, horizonto eklumiĝadas — ekiĝas kristnaska mateno. Griza nubo vualas montetojn ĉirkaŭantajn Parizon. Ŝajnas, ke ĉio dormas — subite ruĝa fulmo sur malproksima monto traboras malpezan nubon kaj en matena aero ekbruegas pafo kiel tondro; unua preŭsa grenado eksplodis proksime de franca fosaĵo. El tiu eksonis klare unua salvo. Post kelke da momentoj similis ĉirkaŭaĵo de Parizo al gorĝo de granda vulkano eljetanta morton kaj detruon — — —

Pacaman nokton sekvis sangsoifa mateno. . .

Trad. *Kühnl Ed.*

# LASTA RIPOZO.

De PETER ROSEGGER.

(Daŭrigo kaj fino.)

De la arbo falis ankoraŭ kelkaj gutetoj. Aliaj pendis je tiuj longaj verdaj pingloj kaj brilis kvazaŭ juveloj. La radioj de suno, kiuj malfermis vidon sur la maro, nun ankaŭ

[1] Kristnasko (germ., fr.)

dekovris suprojn de montoj, ke estis videblaj blanka neĝo sur ili, la pintoj de rokoj, glaciaj kampoj kaj malproksimaj regionoj en okcidento. Plena silento estis kaj tiel mola, kvieta aero, ke la viroj sentis kiel sonĝon tiun ripozon sur monto. Kelkaj komencis dormeti, aliaj denove pripensis, kion ili travivis en lasta tempo kaj kio eble ankoraŭ atendas ilin.

Jen ilia Majstro levis iom la kapon kaj diris, kvankam mallaŭte, tamen bone kompreneble por tiuj, kiuj estis proksime de li: »Kion la homoj diras, kiu mi estas«?

Preskaŭ ili ektimis pro tiu stranga demando, kaj ne sciis tuj respondi.

Li demande rigardis ilin, poste diris unu: »Plej diversan ili parolas. Tiuj jam mortis ĉiuj, kies nomojn ili donas al vi. Ĉiam nur la plej nekredeblan ili pensas«. En liaj okuloj ankoraŭ ĉiam estis demando.

Nun la viroj fariĝis parolemaj: »Iu diras, ke vi estas profeto Jeremias, alia kredas, ke eble tiu Elias, kiu sur flama veturilo flugis ĉielon. Kelkaj eĉ pensas, ke vi estas Johano, kiun oni senkapigis.«

Tiam Majstro levis sian kapon kaj diris: »Kaj vi? Kion vi kredas, kiu mi estas«?

Ĉi demando estis kiel fulmo, kiu subite ekbrilas. Ĉiuj silentis. Tiel li ankoraŭ neniam demandis. Li ja scias, ke ili sekvis lin, kaj pro kio! Ĉu eble venis al li ia dubo pri ilia konfido en li, aŭ li mem perdis tiun konfidon? Preskaŭ ili sentis timon.

Sed li daŭrigis: »Vi aliĝis al mi kiam mi vivis sen danĝeroj, kiam mi instruis vin pri dia regno, kiam homoj etendis antaŭ mi siajn mantelojn kaj honoris min kiel Mesion. Kaj kiam ĉiuj min forlasis, ĉar mi estis persekutata kaj vivis en danĝeroj, kiam miaj vortoj — kiujn ili alie komprenis — ne tiel plenumiĝis kiel ili pensis, kiam ili vidis, ke mia vojo ne kondukas al monda potenco, sed al humiliĝo — malgraŭ ĉio, vi iris kun mi al popolo de idolistoj kaj en ĉi montan dezerton. Ree mi malsupreniros al Galileo, sed tie mi ne agrable ripozos. Mi suferos kaj ĉiuj, kiuj estos kun mi, estos persekutataj. Mi iros laŭlonge de Jordan ĝis Judea kaj poste en Jerusalem'on, kie estas miaj plej potencaj malamikoj. Tiujn mi juĝos per akraj vortoj, sed mia korpo estos donita en iliajn manojn kaj ili mortigos min kiel krimulon. Ĉu ankaŭ tiam vi restos

ĉe mi? De kie venas via konfido? Kion vi kredas, kiu mi estas«?

Simono nun laŭte vokis: »Vi estas Kristo de Dio!«

Jen leviĝis Sinjoro. Lia vizaĝo viviĝis per granda surprizo, lia frunto lumis. Dum momento li staris tiel. Tiam li metis la manojn sur ŝultron de tiu, kiu parolis kaj diris: »Simono, ĉi tio ne venis el vi mem, tion diris al vi pli alta estaĵo. Tia konfido estas fundamento de dia regno. Vidu, vi havas ŝlosilojn de ĉielo, ĉar vi havas la kredon. Tero kaj ĉielo estas unu por vi kaj leĝoj de ĉielo estas por vi ankaŭ leĝoj de tero.«

Ili rigardis lin mirigite. Kiel volonte ili aŭdis lin paroli, se li parolis pri ĉielo, kvankam ili povis ne ĉion klare kompreni. Ree li staris antaŭ ili plena je tiu beleco, kiu estis por ili timo kaj ravo. Post li brilis neĝa kampo de Hermon, tiel lumanta kvazaŭ malfermita pordego de ĉielo.

La majstro alpaŝis kaj diris: »Ripozu kaj plifortigu vin. Hodiaŭ ankoraŭ lumo, morgaŭ suferoj. Ili diros, ke mi estas mensoganto kaj deloganto kaj mortigos min.«

Jen Simono prenis per ambaŭ siaj manoj lian brakon kaj diris mallaŭte: »Ne parolu tiel Sinjoro. Gardu Dio, ke tiel fariĝu al vi!«

Sed li diris al li severe: »Foriru de mi, satano! Kion vi scias pri dia decido!«

Tre timigita per tiel subita ŝanĝo, Simono foriris post junajn cedrojn, tie ploris kaj tremis en doloro pro tiel malafablaj vortoj de Majstro.

»Johano, li malamas min«, li diris mallaŭte kaj kaŝis sian vizaĝon en la veston de kunulo, kiu venis por konsoli lin.

»Li ne malamas, sed amas vin, pensu nur kiel li parolis al vi — ke vi posedas dian regnon. Vi ja scias, kia li estas. Malvarman akvon li devas surverŝi, por ke ne forbruligu lin la fajro de l' amo. Kaj vi tuŝis ion, kun kio li eble mem batalas. Ŝajnas al mi, ke li vidas nun tian volon de dia patro, ke li devas suferi kaj morti. Antaŭ tio ektimas lia juna korpo kaj nun venas ankoraŭ vi kaj malfaciligas lian bataladon. Simono, leviĝu! Ni estu fortaj kaj gajaj, ni restos ĉe li malgraŭ ĉio, kio venos«.

Tio okazis sur altaj montoj de Libanon, kiam Majstro komencis iri returnen por kontraŭstari al malamikoj.

Post semajno, dum kiu ili sentis nek mankon nek tiujn multajn malfacilaĵojn, kiujn ili devis travivi, ili venis en valojn plenajn de floroj, kie la mola aero estis plenigita per la odoro de rozoj kaj floroj de migdaloj. Proksime de Nazaret ili trapaŝis profundegaĵon, irante en ombro de olivarboj. La viroj haltis tie pro granda laciĝo, kaj pensis, ke Majstro eble vizitos sian familion en la urbeto. Sed kvazaŭ li divenis iliajn pensojn, li diris: »Mia familio vi estas. Sub ĉi arboj ni ripozos antaŭ ol ni iros pluen al Jordano«.

Sed ĉar la vidvino de ĉarpentisto sciiĝis, ke ŝia filo estas tie ĉe profundegaĵo, ŝi rapidis tien. Liaj akompanantoj kuŝis sur la herbejo kaj dormis. Li sidis ĉe roko kaj apogis sian kapon sur ĝi. La patrino staris post li, sian longan bluan superveston metinte tiel ĉirkaŭ la kapo, ke ĝi ŝirmu ŝian vizaĝon kontraŭ la sunradioj. Ŝia vizaĝo estis pala, konsumita de zorgoj; iom da malhelaj haroj aperis ĉe unu vango, ŝi kaŝis ilin sub la veston, sed tamen ili denove aperis. Preskaŭ timeme ŝi rigardis tiun ĉe la ŝtono. Ŝi ne tuj parolis al li. Tiam ŝi ankoraŭ iom alproksimiĝis kaj komencis paroli kvazaŭ nenio estus okazinta de ilia lasta renkontiĝo: »Proksima estas via domo, filo mia, ĉi tie vi ripozas tiel maloportune.«

Li levis la kapon kaj trankvile rigardis ŝin. Post momento li diris: »Virino, vi scias, mi volas esti sola.«

Mallaŭte ŝi diris: »Hejme, ĉe mi, nun estas plej granda soleco.« — Kaj aldonis: »La patro foriris al la patroj.«

»Kaj la fratoj?«

»Ili forestas jam dum kelke da semajnoj, serĉante vin«.

Sinjoro montris per sia mano en direkto kie dormis liaj kunuloj: »Ĉi tiuj ne serĉis min dum semajnoj, sed trovis min en unua tago.«

Kvazaŭ ŝi volus forigi lin de penso, kiun li ofte elparolis al ŝi, ke liaj fratoj ne komprenas lin, ŝi diris: »La aĉetantoj estas malkontentaj, ke ili ne povas ricevi tion, kion ili mendis en nia laborejo kaj ili volas iri al nova majstro, kiu antaŭ ne longe loĝiĝis en nia urbeto.«

»Kial vi ne dungas helpantojn?« Ŝi respondis: »Oni ne devas miri, ke ne volas resti fremduloj, se infanoj mem forlasas domon.« Sed tiam li diris laŭte: »Virino, indulgu min kun viaj riproĉoj kaj ĉiutagaj zorgoj! Lasu min iri laŭ mia propra vojo!«

Ŝi turnis sin al ŝtona muro por kaŝi sian mienon, en kiu estis ega doloro, kaj eksilentis. Post momento ŝi diris mallaŭte: »Infano, vi estas tiom sensenta kontraŭ mi. Al ĉiuj vi venigas malfeliĉon. Kredu, mi ne zorgas por mi, por mi ĉio jam pasis sur ĉi tero. — Sed vi? Tiel juna vi estas ankoraŭ kaj volas al vi ĉion detrui. Ankoraŭ unufoje petas vin via patrino, kara filo mia: lasu netuŝite la kredon de niaj patroj! Mi ja scias, ke vi volas nur la bonon, sed aliaj tion ne povas kompreni, tial ne estas bona, kion vi faras. Lasu ĉiun fariĝi feliĉa laŭ sia propra volo. Kiel ĝis nun ili bone alvenadis al Abrahamo ankaŭ poste ili trovos ĝustan vojon sen vi. Ne disputu kun farizeoj, ĉi tio ĉiam venigis malfeliĉon. Pensu nur je tiu Johano, kiu babtis! Oni diras, ke ili ankaŭ vin jam persekutas. — Plej amata infano mia — ili turmentos — ili mortigos vin.« Kun al la muro alkroĉiĝintaj fingroj, ŝi eksilentiĝis pro maldolĉega ploro.

Li turnis la kapon al ŝi, rigardis ŝin kaj vidante ŝin tremi pro doloro — li leviĝis, alproksimiĝis al ŝi kaj prenis ŝian kapon en ambaŭ siajn manojn. — »Patrino! — Patrino! — — Patrino!« Sentona rompita estis lia voĉo kiam li parolis: »Vi pensas, ke mi ne amas vin, ĉar iafoje mi devas esti severa, ĉar ĉio estas kontraŭ mi, eĉ propra korpo. Sed la volo dia devas esti plenumita. Sekigu viajn larmojn, vidu, mi amas vin pli multe ol povas kompreni homa koro. Ĉar la patrino duoble suferas tion, kion devas suferi la infano, tial via suferado estas pli granda ol de tiu, kiu devas sin oferi por multaj. — Patrino, sidiĝu sur ĉi ŝtonon, por ke mi ankoraŭ unufoje povu meti mian kapon sur viajn genuojn. Ĉi tio estas mia lasta ripozo. De nun komencos la seninterrompa ĉeno da turmentoj, de unu al alia — ĝis lasta . . .«

Li kuŝigis sian kapon sur ŝiajn genuojn kaj ŝi, per kvieta mano, glatis liajn longajn harojn. Meze en sia doloro ŝi estis tiel feliĉa, ke ree li ripozas ĉe ŝia brusto, kiel iam, estante infano. —

Sed li mallaŭte daŭrigis sian parolon: »Al popolo mi predikis la kredon en mi. Sed patrino kredas en sia infano eĉ tiam, kiam ĉiuj saĝuloj estus kontraŭ li. Ne aŭskultu tion, patrino, kion ili diros pri mi. Kaj en la horo, kiam mi aperos al vi kun etenditaj brakoj — nek sur tero nek en ĉielo — tiam ne malesperu. Sciu, ke via ĉarpentisto

konstruis la regnon de Dio. Ne, ne ploru, patrino, heligu viajn okulojn. Via tago estos eterna. Laŭdados vin ĉiuj gentoj!« – Li kisis ŝiajn harojn kaj okulojn kaj ploris. – »Kaj nun, patrino, forlasu min. Tiuj nun komencas maldormiĝi kaj de tie venas homoj kun korboj, alportante manĝaĵon por ni. Ne montru al ili, ke vi malĝojas.«

Li leviĝis de sia lasta sankta ripozo. Liaj kunuloj unu post la alia levis la kapojn.

»Ĉu ankaŭ vi iom ripozis, Majstro«? demandis Simono.

Li respondis: »Pli bone ol vi.«

Tiam ili manĝis kun gaja laŭdado de Dio kaj poste ili komencis iradon en la reĝan urbon Jerusalem.

Sed post la roko staris la vidvino kaj rigardis lin tiel longe, kiel li estis nur videbla en brilo de galilea suno.

Trad. *E.*

## BIBLIOGRAFIO.

Ĉefa celo de sekvantaj linioj estas informi precipe bohemajn legantojn pri plej rimarkindaj aperoj en literaturo aŭ speciale Esperanta aŭ en literaturo, kiu traktas demandon pri lingvo internacia entute (jaroj 1902—3). Recenziojn[1] pri pli gravaj verkoj ni donos ĝis en venonta jaro.

**Tekstoj nur en Esperanto.** *Dro L. Zamenhof: Fundamenta krestomatio[2] de la lingvo Esperanto. Verko por ĉiu Esperantisto *vere necesega!* Enhavo tre riĉa, interesa kaj instruanta en diversaj rilatoj (461 pĝ., kosto ?). — *W. Shakespeare: Hamleto. Tragedio en kvin aktoj. Tradukis Dro L. Zamenhof. Nova eldono. (176 pĝ., kosto 2 fr.). — *G. W. Leibnitz: Monadologio. Tradukis E. Boirac, rektoro de universitato de Dijon (31 pĝ., 0·60 fr.). — *Esperantaj prozaĵoj. Esperantaj tekstoj de diversaj aŭtoroj (246 pĝ., 2·50 fr.). — *P. Berthelot kaj Ch. Lambert, prof. de universitato de Dijon : Komercaj leteroj. Kun registro de komercaj vortoj en lingvoj: Esperanto, franca, germana, angla (46 pĝ., 0·50 fr.). — P. Fruictier: Esperanta sintakso[3]. Verkita laŭ verkoj de Dro L. Zamenhof kaj aliaj aŭtoroj (75 pĝ., 1·50 fr.). — *L. de Beaufront: Ekzercoj de aplikado[4]. Leksikologio, sintakso, vortfarado Esperantaj (71 pĝ., 1 fr.). — Kapitano S. Poljanskij : Skizo kaj tabeloj por konstruo de kurioza sunhorloĝo inter polusoj kaj ekvatoro[5] (16 pĝ., 0·35 fr.). — *Diversaĵoj. Rakontetoj tradukitaj de F. Lallemant kaj L. Beau (67 pĝ., 1·25 fr.). — Letero pri la deveno de Esperanto. Bele presita eldono de administracio de »Čes. Esp.« (8 pĝ., granda formato, 10 h).

[1] Recenzio = posudek, recense. [2] Krestomatio = výbor (čtení), čítanka, chrestomatie. [3] Sintakso = skladba, slovosklad, syntaxe. [4] Apliki = upotřebiti; (po) užívati: aplikovati. [5] Ekvatoro = rovník.

**Esperantaj verkoj gramatikaj** (en diversaj lingvoj). En lingvo *angla.* — J. C. O'Connor: Esperanto, The Student's Complete Textbook (1·90 fr.). — G. Henderson: How to read Esperanto, folia vortareto-ŝlosilo (0·20 fr., 10 ekz. por 1·25 fr.). — En lingvo *franca.* — * L. de Beaufront: Grammaire et Exercices de Esperanto (1·50 fr.), Corrigé de Grammaire et Exercices (0·75 fr.), Commentaire sur la grammaire Esperanto (2 fr.), Texte synthétique des règles, préfixes, suffixes, expressions de l' Esperanto (0·50 fr.), Thémes d' application, avec le vocabulaire des mots employés (2 fr.), Dictionnaire Esperanto-Français (1·50 fr.) — ĝis hodiaŭ plej plena vortaro Esperanto-nacia, tre utila. — * Prof. Th. Cart: Premières leçons d' Esperanto (0·30 fr.). — * Prof. Th. Cart kaj M. Pagnier: L' Esperanto en dix leçons (0·75 fr.). — * Prof. Th. Cart, M. Merckens, P. Berthelot: Vocabulaire Français-Esperanto (2·50 fr.). — En lingvo *germana.* — A. H. Fried: Lehrbuch der internationalen Hilfssprache Esperanto (1·25 Mk). — L. E. Meier. Methodische Grammatik, Formenlehre und Syntax der Sprache Esperanto (1·25 Mk). — *Th. Cart kaj H. Jürgensen: Anfangsgründe der Esperanto-Sprache (0·30 Mk). — Schlüssel zur internationalen Hilfssprache Esperanto (32 pĝ., 0·10 Mk., 50 ekz. 4·50 Mk, ricevebla ĉe administracio de »Čes. Esp.«). Verketo tre taŭga por propagando!

Krom nomitaj libroj estis eldonitaj novaj lernolibroj ankaŭ en lingvoj: bulgara, esta (J. T. Rahamegi), hispana (L. Villanueva), hungara (Lengyel, Schwörer, Miletz), itala (A. Gallois) k. a.

**Diversaj verkoj.** L. G. Gruey, direktoro de observatorio en Besançon: La sunhorloĝo en Dijon kaj P. A. Dombrovski: Koncerne la V-an Eŭklidan Postulaton, verketo matematika (0·20 fr.). — Jos. Jamin: Un curieux cadran solaire (franca traduko de verketo de Kapitano S. Poljanskij). Tre interesa! (Kun belaj figurajoj). — Th. Hopf: Die internationale Hilfssprache Esperanto, propaganda broŝuro. — E. Boirac: Ŝlosileto kvarlingva (mallonga gramatiko en lingvoj: franca, angla, germana, latina), 0·30 fr.

* **Histoire de la Langue Universelle** par L. Couturat et L. Leau. — Paris, Librairie Hachette & Cie, boulevard Saint-Germain, 79. — 1903 — XXX kaj 579 pĝ. de leksikona formato. Kosto 10 fr. — Plej grava verko pri demando de lingvo internacia, kies ĉiuj ĝisnunaj sistemoj estas tie priparolitaj detale kaj tute senpartie. Tiom por hodiaŭ.

**Gazetoj Esperantistaj** (laŭ ordo de ilia aperoj: Lingvo Internacia, L'Espérantiste, La Lumo, Rondiranto, La Holanda Pioniro, La Belga Sonorilo, Český Esperantista, L' Esperantista, Svisa Espero Juna Esperantisto, Monata Revuo Esperantista, Espero Katolika, Antaŭen Esperantistoj:, Ĉilio Esperantista, La Suno Hispana, The Esperantist, Internacia Medicina Revuo.

Ĉiuj libroj, kiujn ni nomis supre, estas riceveblaj ĉe Pariza Grupo Esperantista, Paris 2e, 10, place de la Bourse. — Verkoj signitaj per steleto estas eldonitaj de firmo Hachete et Cie, Paris.

Díla označená hvězdičkou lze objednati v knihkupectví E. Weinfurtra, Praha, Vodičkova ul.

# ORGANIZACIO DE KORESPONDADO (O. K.).

*Klarigojn de signoj vidu en Nro 7-a de Český Esperantista.*

*Unua* anonco por ĉiu abonanto de »Č. E.« estas ***tute senpaga.***

**36. Rusujo.** ST. PETERBURGO, Kontoro »Esperanto«. — *Kazimir Ostanievič*, telegrafa oficisto. ***LSP:*** pola, rusa, franca, Esperanto. ***LS:*** angla. ***Dez:*** Ricevadi korespondaĵon indan por presado en rusaj gazetoj. ***D:*** Mia kontoro liverados Esperante parolantajn kondukantojn en St. Peterburgo.

**37. Francujo.** PLOMBIÈRES LES BAINS (Vosges), 35, rue Stanislas. — *J. Parisot.* ***LSP:*** franca, hispana, angla, Esperanto. ***LS:*** germana, latina, greka, nove-greka, hebrea, siriana, itala, portugala. ***Dez:*** Sciigoj pri internacia progreso. Mi okupas min pri malnovaj lingvoj, malnova muziko, etnografio kaj etnologio orienta, vojaĝoj. »Altruismo.« Volonte korespondas pri naturscienсoj, dogmaj kaj religiaj malnovaj ceremonioj en diversaj nacioj. ***R:*** Ciel. * 1864.

**38. Germanujo.** BERLIN SW, Lindenstrasse 87.-IV. — *Hermann Jürgensen*, asekura librotenanto. ***LSP:*** germana, franca, angla, Esperanto. ***LS:*** dana. ***Dez:*** Korespondi pri aperado de nuntempa literaturaĵo kaj pri problemoj de filozofio kaj regna historio. Aferoj tuŝantaj lingvon internacian. ***D:*** Sciigoj pri objektoj nomitaj ĉe »Dez«. ***R:*** Nur letere. — Mi petas ĉiujn geesperantistojn, kiuj venos Berlin'on, ke ili bonvolu viziti min.

**39. Aŭstrio. Moravio.** ŽĎÁR MĚSTO (Saar), poste restante. — *Filip Veliš*, komercisto. ***LSP:*** bohema, germana, Esperanto. ***Dez:*** Perfektigi min en Esperanto kaj per helpo de Esperanto lerni francan lingvon. Interŝanĝadi poŝtajn kartojn kaj markojn. ***D:*** Mi respondos tre volonte ĉiun demandon (laŭ ebleco). ***R:*** Ĉiam, tuj. * 1882.

**40. Aŭstrio. Moravio.** BRNO, Fr. Josefstr. 102. — *Jan Kajš*, tipografo, abstinento. ***LSP:*** bohema, Esperanto. ***LS:*** germana, Volapük. ***L:*** rusa, Idiom Neutral. ***Dez:*** Sciigoj pri ĝardenkulturo, vegetarismo. ***D:*** Sciigoj pri moroj, kulturo, vivo kaj movado laborista en Moravio. ***R:*** Ĉiam. * 1875.

**41. Francujo.** CHAUMONT (Haute-Marne), 32, rue de Industrie. — *Mossmann*, profesoro ĉe liceo. ***LSP:*** franca, germana, angla, Esperanto. ***LS:*** latina, (itala). ***D:*** Pri instruado, precipe de vivaj lingvoj, pri fotografado. ***D:*** Sciigoj pri vivo en Francujo. ***K:*** Kartoj kun vidaĵoj. ***R:*** Ĉiam. * 1860.

**42. Aŭstrio. Hungarujo.** BUDAPEST VII, Nagy diófa utca 6, földzint 6. *J. J. Süssmuth.* ***LSP:*** germana, sveda, angla, franca, itala, Esperanto. ***L:*** hungara, hispana, portugala. ***Dez:*** Korespondi pri lingvoj, etnografio, religioj, geografio; deziras interŝanĝi literaturaĵon fremdlingvan. ***D:*** Kiel ĉe »Dez.« K: Poŝtaĵoj, moneroj. ***R:*** Laŭ deziro. — Mi deziras konatiĝi kun Esperantistoj, kiuj havas pli altajn ideojn.

Redaktor: Krumpholc Jos. — Vydavatel: Čejka Th.
Tiskem »Družstva knihtiskárny«, Hranice.